# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 15/11/2013 Cent trideknaŭa Eldono 16/11/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 27a Novembro 2013**

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

En Ĉinio mi ne sukcesis aŭskulti la retradion aŭ vidi la bildon
En Aŭstralio vi ĝoje kapablas aŭskulti.

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »




## Propaganda sekcio






**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.





Eble la 25an de Novembro (informis Jeannette)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

# Lingvaĵo IOM PLI PRI LA KOMPLEMENTOJ B



9 La Epiteto, se ĝi estas Adjektivo, ricevas la finaĵojn –j kaj/aŭ –n se tiujn havas la Substantivo kiun ĝi difinas (ekz. "La BELAJ rozoj donas ALTIRAN odoron"). Se ĝi estas Adverbo, konsilindas uzi ĝin nur ĉe Verboj (kaj ĉe Adjektivoj), NE ĉe Substantivoj: "La vojo tie" = "La tiea vojo". Se kun –n, la Adverbo estas Suplemento: "La vojo tien" el "La vojo al tie".

Kiel vidite, la Suplemento havas, aŭ povas havi, Prepozicion: "La ekspozicio DUM LA VESPERO" aŭ "La (DUM)VESPERA ekspozicio". (Notu, ke kiel Epiteto la Adjektivo havas alian signifon: "Vespera ekspozicio" estas ekspozicio kiu havas la karakteron de "vespero", do kun artaĵoj aspektantaj kiel mallumaj aŭ malfruaj, same kiel "subĉiela festo" malsamas al "ĉiela festo"). Oni povas nomi Suplemento AŬ Epiteto ankaŭ la Adjektojn: "Li loĝas EN LA KAMPARO" aŭ "Li loĝas MALPROKSIME".

La Suborda Propozicio ligiĝas al sia determinato (= la vorto kiun ĝi difinas) per Rilata Pronomo ("La hundo, KIU bojas") aŭ per Subjunkcio ("Lia espero, KE li gajnos la premion") aŭ per Adverbo ( "Dum tiu vintro, KIAM frostis 30 gradojn").

Notu, ke en Esperanta gramatiko la kernvorto kun ĉiuj siaj ĉeaj vortoj formas la Propozicielementon. Notu ke ankaŭ la Artikolo estas epiteto ("Mi scias LA veron"), kaj cetere estas kvazaŭ Adjektivo (en etnaj lingvoj originanta en ja Adjektiva Pronomo (kiel "tiu").

Marcel Leereveld.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena






Ĉu vi havas solvon kontraŭ nia nevideco? Roger Springer. Eĉ ĉe AE multaj kluboj ne videblas.

Eĉ la fuŝa studo de la angla faciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2013-11-07 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (07/11/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

Jen la ĉefaj rezultoj:

* **KONGRESO EN KANBERO**

- La dua vizpeto de Bharat sukcesis
- La programo estas kunmetata. Ĝi senĉese evoluas.
- Ni ne certis pri la progreso de ilia vizpeto. Heather kaj Sandor refoje kontaktu ilin.
- Same kun la du proponitaj partoprenantoj el Orienta Timoro
- Daŭriga memorigo: Ni voĉdonos en Kanbero ĉu ni restu kompanio aŭ reiru al asocio. Bv komenti kaj forte argumenti por aŭ kontraŭ.
- **ALIĜU AL LA KONGRESO**

* **KOMPANIO - ASOCIO**

Alia diskuto . . . . Ni antaŭĝuas la decidon ĉe la jarkunveno

* **ESK**

Kam lee preparas la venontan eldonon.

* **LIBROSERVO**

Margaret trovis pli da libroj en Esperanto-Domo. Baldaŭ, baldaŭ ni scios kiom ĝi valoras.

* **LIBROBRETOJ EN ESPERANTO DOMO**

Ni dankas la NSKF por la pago de la duono de la librobretoj

* **MEMORIGO**

**Ne forgesu:** aea.esperanto.org.au

Nia nova retejo estis enŝaltita. Vizitu ĝin kaj informu nin, kiam vi trovas erarojn kaj kiam vi volas proponi plibonigojn.

Heather, Kam Lee, Indrani, Margaret, Sandor

## Estontaj Geedzoj

Li: Al mi estas tre facile geedziĝi ĉar mia patro estas pastro.

Ŝi: Vere, kaj MIA patro estas advokato



# ĈU ALLASI ERAROJN EN ESPERANTO?



Mi samopinias kun Roger, ke estas pli bona fari ion kun malgrandaj eraroj, ol fari nenion. Mi metis tiun filozofiaĵon en praktikon, kiam mi kreis la Bazan, Mezan, kaj Altan ekzamenojn por Aŭstralio, antaŭ dudek jaroj, en kiuj oni ne kalkulas la erarojn¸kiel kutime, sed donas sukcesan aŭ malsukcesan rezulton al la kandidato, juĝante kaj kalkulante nur la ĝustajn vortojn kaj ĝustajn gramatikaĵojn, kaj nur pro ili



juĝas la rezulton. Juĝi tiel tamen estas tre temporaba, sed mi ĉiam sukcesis por la cento da kandidatoj. Aliflanke mi kreis tiujn ekzamenojn tiom rapide, pro bezono, ke la enhavoj povus esti multe pli bonaj. Pro tio (nur) unu el la tiamaj membroj de la Ekzamena Komitato malaprobis la enkondukon, kiu tamen okazis.

Nun ni bezonas kompetentan Esperantiston por krei pli bonan enhavon, sur la sama filozofio de trovi la bonon anstataŭ la malbonon ĉe la kandidatoj.
Marcel.

# Esperanto renkontiĝo en Ĉinio

"De la 2a ĝis la 3a de novembro, 2013 en Dongshahu Lernejo (Suzhou, Ŝanhajo, Ĉinio) solene okazis la 7a jarkunveno de IKEF-Ĉina, entreprenita de Suzhou-a Esperanto-Asocio kaj helpita de Dongshahu Lernejo. Tiu evento plene montris la novan ideon ke la buroo de eduko metas specialan atenton por pliigi la kontribuon de edukado al ekonomia disvolviĝo kaj penas por havigi subtenon dum servado al la socio.




Partoprenis en la jarkunveno ne nur la entreprenistaj delegitoj de Ĉinaj Esperanto-

Asocioj el diversaj provincoj, sed ankaŭ la entreprenistaj delegitoj el Aŭstralio, Brazilo, Irano, Koreio kaj aliaj landoj. La ĉefa temo de tiu ĉi jarkunveno estis diskuti pri la grava funkcio de Esperanto en la ekonomia disvolviĝo kaj kiel plibone servi la ĉinan ekonomian disvolviĝon per Esperanto. La brila punkto de tiu ĉi kunveno estis ke labor-lingvo estas Esperanto kaj dum tuta procezo troviĝas nek tradukisto nek interpretisto malgraŭ ĉeestantoj el diversaj landoj kun malsama gepatra lingvo."

Amike, Dmitrij

# Gerry Phelan raportas

## pri la centa kongreso de la Japana Esperanto-Instituto.




Sekve al invito de mia klubano Marc Schmidt, kiu loĝis en Japanio antaŭ du jaroj, mi partoprenis kun li en la centjara kongreso de la Japana Esperanto-Instituto. Okazis en la urbdomo de antaŭurbo de Tokio, Funibori, dum 12-15 oktobro. Partoprenis pli ol 650 personoj el 23 landoj.

Nia sekretariino de AEA , Heather Heldzingen, donis al ni leteron de gratuloj al Japana Esperanto Asocio kaj tiu letero estis legita ĉe la podio dum la inaŭgura ceremonio. Estis bone akceptita. Koran dankon, Heather.

Estis tre plaĉe vidi gejunularon. Mi ĉeestis kongresan sesion en kiu prelegis Nepalano, Taĝikino, Koreo, Vjetnamino kaj Indoneziino pri la Esperanta movado en siaj landoj.



Esperanto-domo en Jacugatake

Poste, ni akceptis inviton partopreni en du-taga aŭtuna kursaro ĉe la JEI Esperanta Domo, ĉe Jacugatake, 300 km for de Tokio, kun 16 aliaj gelernantoj. Ĝi estis mirinda sperto.

Estis iom da intereso en nia somera kursaro en januaro, do mi esperas ke ni ricevos aliĝintojn. Fakte, nur hieraŭ Dr. Gabor Markus el Hungarujo, al mi diris ke li kaj lia edzino partoprenos.

# Grava Scio por travivi la vojojn de Wuhan.

1 La Zebrajn markojn por rajtigi la piedirantojn transiri la straton ne rimarkas la aŭtaj, la motorciklaj aŭ la kelkaj biciklaj veturigistoj. Atendu ĝis kiam estas multaj irontoj, antaŭ ol provi transiri.

2 La apudaj piedvojoj estas por parki aŭtojn, por rajdi biciklojn, motorciklojn (la elektraj venas senbrue), por vendistaj tabloj, seĝoj por kartludistoj, ktp kaj multegaj piedirantoj. **Iru zorge.**

3 La Trafikaj Lumoj. Ĉiuj motorcikloj, biciklantoj ne obeas. Turnantaj aŭtoj ignoras piedirantojn. La verda piediranta lumo ne malpermesas turnantajn aŭtojn. Kaj la aŭtoj, ne la piedirantoj, regas. **Iru zorge, timeme**.

4 La stratojn por la domoj, oni planis antaŭ aŭtoj amase venis al Ĉinio. Ili plej ofte havas du farbmarkitajn partojn sufiĉe larĝa por ebligi du aŭtojn preterpasi kaj kelkfoje lokon por piedirantoj. Nun unu parton oni farbmarkis por parki autojn. Ankaŭ la loko por piedirantoj oni uzas por parki aŭ parte parki autojn. Do oni ofte ne havas elekton ne piediri kune kun la aŭtoj. **Iru zorge, timeme**

La **KIALO** kial tamen funkcias estas la malrapideco de la aŭtoj. Malpli ol 10 kmh ĝis 30kmh Ili agas same kiel homoj ĉe urba piedstrato en Aŭstralio. Oni haltas, turnas, malantaŭen veturas laŭ bezono por eviti akcidenton. Mi surmetas mian flavan jakon kontraŭ akcidentoj

# .Aŭtuna Flora Festivalo, Wuhan







